ligo kaj ĝia organo prizorgadis Ion Ionescu Kapatzana en Bukureŝto, Rumanio, kaj al li helpis la landaj sekretarioj de la ligo. Kelkaj el tiuj, kiel s-inoj Noll, Dresen, Royer, Blaise kaj Roskes-Dirksen kaj aliaj, jam de multaj jaroj laboradis por la VLE, kies celoj estis: disvastigadi E-ton inter vegetaranoj kaj vegetarismon inter esperantistoj, – antaŭenpuŝi la internacian solidarecon de la vegetarana movado.

*(El Enciklopedio de Esperanto, 1933-34.)*

---

## URTIKA AKVA STERKAĴO

PRI la urtika akva sterkaĵo mi jam skribis, tamen mi ripetas kelkajn aferojn pri ĝi, nome, ke ĝi estas bonege utila, ĉar ĝi ne nur fekundigas, sed ankaŭ detenas iujn parazitojn de la kultivataj kreskaĵoj, se ni uzas ĝin ŝpruce sur la kreskaĵojn. Sed ĉi tie bv. bone memori, ke nur tiam, kiam oni ne atendas pluvon, kaj ne, kiam la suno arde brilas! – Ankaŭ atentu, ke vi ne prenu urtikon plene florantan, aŭ kiu havas jam semojn, tiam povus okazi, ke vi ensemus urtikon en la bedojn de via ĝardeno!

Se vi uzos la urtikan akvon al ŝprucado pere de ŝprucaparato, tiam unue la urtikan akvon filtru, por ne difekti la ŝprucilon. Ankaŭ ne forgesu, ke la urtikan akvon oni devas laŭbezone mildigi (maldensigi), laŭ la kvanto de la uzita urtiko, almenaŭ 4-5-oble, do aldoni tiom da (laŭeble) pluvakvo.

Ke la urtikan sterk-akvon ni pretigas ne en metala ujo, tion ni jam menciis ankaŭ, kaj ke ni povas la urtikon rekte doni en la kompoŝton, pri tio mi rakontos al vi venontfoje. *AMO – A. Mosch.*

---

### *KOREKTOJ*

*En EV-17/18a bv. korekti sur paĝo 34 en art. 'AVANTAĜOJ' la tekston jene: en la 4a linio bv. forstreki la vortojn 'oi homoj povas nutriĝi el la sama ter–' kaj en la 5a linio la unuan vorton 'spaco'. – Same sur la 4a paĝo bv. aldoni 'o' ĉe la nomo 'Ernest', sur la 2a paĝo de-malsupre en la 2a linio bv. forstreki 'Kaj korekton', kaj bv. korekti aliajn diversajn nemulte ĝravajn preseraroјn, tamen aparte sur la 10a paĝo de-malsupre bv. el 'hotelo' fari 'botelon', ĉar tio ja estas ia diferenco, kaj sur paĝo 32a ĉe s-ano Bierhoff en la 2a linio estu 'nia afero', anstataŭ 'mia...'.*

# KIAM KAJ KIAMANIERE MI VEGETARANIĜIS

F. Morawetz

PARDONU, ke mi ne povas tion rapide kaj klare respondi.

Hejme, *kiel infano,* mi memoras, mi ricevis *manĝaĵon kun viando,* kolbasojn ktp. Sed plaĉis la 'festotago', kiam ni nur ricevis ian bakaĵon aŭ ian senviandaĵon. Ĉe la manĝopreparado en la kuirejo ni rajtis preni karotojn, ankaŭ brasikrapon, manĝi tion nekuiritan, kaj *fruktoj* estis la *plej bonaj* por ni. Sed tio estis en tempo antaŭ 60-70 jaroj!

Tamen jam kiel 17-jarulo mi devis for de la hejmo, for de la patrino. Mi soldatiĝis, kaj poste, monon mi ne havis multe, mi estis en diversaj lokoj, faris tion kaj tion, partoprenis politikajn agadojn, kaj mi aniĝis post spertoj al ia komunistamika partio aŭ grupo, la nomon mi ne plu scias, eble Internacia Socialista Batalgrupo (ISK) . Kaj tie oni devis multe fari, preskaŭ kiel ĉe la soldatoj, kaj kiu volis esti membro, devis unue unu- aŭ dufoje viziti buĉejon, vidi, *kiel oni buĉas,* siatempe oni klare tion vidis, kaj decidi pri senvianda manĝo. Do mi akceptis tiun regulon, sed la kialon mi ne klare vidis, kvankam mi ja komprenis, ke la homo ne simple buĉu por havi ian porkan fritaĵon aŭ similan. Mi vivis bone sen viando, manĝis ĉefe legomon kaj fruktojn, diversmaniere preparitajn.

Kaj iom poste mi estis ĉe kolego, kiu montris al mi la legompreparadon hejme, la lavadon kaj la tranĉadon. Do mi iom lernis tion, kaj tio bongustis. El la partio mi devis eksiĝi, mi laboris en multaj diversaj lokoj, havis tre diversajn laborojn, estis sen laboro, iris al aliaj landoj, sed *la manĝo restis senvianda,* ĉar tio jam estis *bona kutimo.* Mi ja ankaŭ spertis, ke oni pli bone vivas sen tabako, sen alkoholo, do sen viando ŝajnis sambona la direkto.

Kiel 35-jarulo mi eĉ ankoraŭ lernis baledon, akrobatadon, mi estis dancisto teatra, do mi havis pli pezan agadon ol pezlaboristo. Kolegoj ankaŭ aliloke ofte tion rimarkis, tiun diferencon en la manĝado ĉe mia bonfarto kaj aktivado.

Kaj kiel pliaĝulo mi komencis pripensi tion, ĉar nun mi ja aŭdis pri vegetarismo. Kial oni evitu viandon?

Ĉefe oni ja diris, ke tio estas *pli sana* ol viandon manĝi. Tamen mi konstatis, ke viandmanĝuloj ankaŭ ofte estas sufiĉe aĝaj. Kaj la specialaj vendejoj ja volas vendi siajn aĵojn. Sed rigardante la homon, pripensante lian naturon, mi pensis, ke multe pli frue la homoj pli ofte manĝis fruktojn kaj verdaĵojn, legomon, ol pafi aŭ kapti bestojn, kaj la kamparaj bestoj, la bovoj, ĉevaloj ktp. devis helpi al la kamparanoj. La ĉefa celo verŝajne ne estis la buĉado. Do, iel povas ĝusti, ke *la homoj pli frue ne tre multe manĝis viandon.* Kaj mi persone ja bone fartis sen la viandmanĝaĵo.

Ĉe religiaj grupoj mi aŭdis, ke ili rekomendas ne buĉi bestojn (kaj ankaŭ

ne mortigi aŭ dolorigi homojn). Tamen mi ankaŭ aŭdis ĉe tiuj grupoj, ke oni mem ne buĉu, tamen viandon oni povas ja aĉeti kaj manĝi. Kaj pri tio mi iom ridetas, ĉar tiuj grupoj *unuflanke* diras, ke oni mem *ne buĉu*, sed *aliflanke oni pagu la buĉistojn*! Do, ĉu tio estas evito de la buĉado, de la mortigado?!! (ankaŭ de homoj!?!).

Por mi mem mi vidas bonan kialon por mia senviandmanĝa vivo, ĉar mi ekkonis, ke ni ĉiuj, homoj kaj bestoj, vivas, ĉiu laŭ sia maniero, sed ni vivas ĉiuj en la mondo, estas do kunhomoj, kunestaĵoj, kaj ni bonkondutu unu kontraŭ la alia, ne mortigu. Ni ne nur ne mortigu homojn, ni ankaŭ evitu mortigi bestojn (kiujn ili ja nun bredas ĉefe por buĉado!). Mi komprenas, se iu mortigas iun alian, mortpafas aŭ buĉas, sed mi *por mi* tutklare decidiĝis, ke tia buĉado, aŭ la pagado por *la buĉado, estas malbona konduto*, malbela sinteno. Por mi mem mi decidis eviti tion. Do mi estas 'vegetarano' sen ia kuracista kaŭzo, mi nur decidis regi min ankaŭ koncerne la manĝon.

Nun jam longe mi mem preparas mian manĝaĵon. (La edzino restis ĉe la viandmanĝado, tamen la du filoj ankaŭ vivas sen viando. Miaj manĝoj bongustas al mi. Nur dufoje tage mi manĝas. Kion mi preparas, mi povos alian fojon rakonti.

Sed prijuĝante min mem, mi konstatas bonfarton, maloftan malsan(et)iĝon, kaj en mia cerbo (aŭ konscio) *mi estas kontenta* kun mia sinteno, kun mia vivmaniero. La pli ol 50-jara senviandmanĝa vivo lasas min ankoraŭ iomete labori, pensiulo ja ne tro multe faras, sed mi faras krom la taga hejmlaboro kaj kelkfoje vojaĝado normale ĉiusemajne ekskurson (migradon 30-km-an) en aŭ tra la naturo. En ĝi mi sentas min hejme, mi estas ero de la naturo, unu ulo inter la aliaj, kaj tiel mi ne ŝatas mortigi aliajn ulojn. *La naturo validas por mi, por ni,* en la hodiaŭa mondo.

Bonvolu vi mem trovi vian kialon, kial vi ne manĝas viandon, kial vi estas vegetarano.

*F. Morawetz,*
*Fordestr. 15, D-2390 Flensburg, Germanio.*

KRISTNASKO estas la sezono por bonvolo kaj paco al ĉiuj homoj – tiel oni diras. Ŝajnas do bedaŭrinde, ke tiu bonvolo ne etendiĝas ĝis la bestaro. Dum la homoj okupas sin en komplezo unu al alia, ili facilanime maĉadas tra milionojn de la bestaro. Al la vegetarano, tio ŝajnas stranga afero, tamen la 'ordinara' homo akceptas ĝin sendemande, kaj li tion faras ĉar preskaŭ ĉiu alia same faras – la blindulo kondukas la blindulon.

*David Knowles, sek. de brita Vegetara Societo*

# VEGETARISMO LAŬ JAPANA VIVMANIERO

DE malnova tempo ĉiutaga vivmaniero de manĝado de japano ĝenerale estadis jene: Ĉefaj manĝaĵoj estis nerafinita rizo, hordeo, kaj milio, flankaj manĝaĵoj estis ĉefe legomoj, malmulto da fiŝoj kaj konkuloj, marherboj, kaj *toohu* (sojfaba kazeaĵo) ktp, kaj kiel gustigaĵoj *miso* (sojopasto), *syooyu* (sojo-sauco), salo, kaj semoleo ktp. Japanoj estis plejparte terkultura popolo, ili ne havis kutimon manĝi viandon, ĉar bovoj kaj ĉevaloj estis uzataj nur kiel laborfortoj, kaj pro la sterko.

Sed luksa rafinita blanka rizo aperis en la 18a jarcento, kaj de komenco de la eksterlanda komerco en epoko de *meizi*, viandomanĝado estis importita kune kun okcidenta civilizacio, kaj onidire estis akcentita, ke ĝi estas grava kaj nutrovalora manĝaĵo. Tiel viandomanĝado estis rapide disvastigita en la tuta lando.

En meza epoko de *meizi* D-ro Isizuka Sagen kontraŭis al okcidenta vivmaniero de viandomanĝado kaj forte konsilis, ke ni revenu al tradicia vivmaniero kaj vivu laŭ saniga dieto de naturproduktoj.

Post la lasta milito malpurigo okazis kune kun altkreskado de ekonomio. Forlasita akvo de industrioj, agrikulturaj kemiaĵoj, kaj diversspecaj aldonaĵoj al nutraĵoj malpurigis preskaŭ ĉiujn manĝaĵojn de japano:- rizon, legomojn, fiŝojn kaj konkulojn, kaj la produktaĵojn el tiuj. Plie pro misuzo de peza metalo kaj kemiaj medikamentoj, senordigo de agrikultura maniero, kiu devenas de neglekto de cirkulado de vivaĵoj kaj de materialoj, kaj pro konfuzo de tradicia vivmaniero de manĝaĵoj, kulturitaj laŭ la klimato, nun multigas la deformitajn bebojn kaj aperigas epokon de milionoj da duonmalsanuloj. Pro ĉi tiu neĝusta vivmaniero de manĝado, la malnova doktrino de saniga dieto el naturproduktoj, kiun D-ro Isizuka pretendis, renaskiĝis kaj disvolviĝis.

De antaŭ la lasta milito la doktrino de D-ro Isizuka estis heredita de D-ro Hutagi, Sakurazawa Nyoiti kaj aliaj, kaj nun la doktrinoj denove estas esploritaj science kaj subtenataj de multaj seriozaj medicinaj scienculoj kaj naturistoj. Ĉiuj ĉi doktrinoj estas iom diferencaj en siaj bazoj filozofiaj, aŭ en individua traktado de manĝaĵoj, sed ĉiuj komune ĉefe kontraŭas al viandomanĝado, kaj iliaj dezirindaj manĝaĵoj tre similas al antikva nutrad-maniero supre menciita. Tamen pri la elbestaj produktaĵoj estas kelkaj opinioj jene: ĝenerala malpermeso manĝi produktaĵojn el bestoj, aŭ permeso manĝi fiŝojn kaj la produktaĵojn el tiuj.

Resume, karaktero de japana vegetarismo estas: permesi manĝadi malmulte da fiŝoj; tio devenas el niaj cirkonstancoj, simile kiel la viandomanĝado en Eŭropo. Sed en la malnovaj tempoj Budhismo grave influis nian viandomanĝadon, kaj ankoraŭ nun ni havas religian abstinadon nomata *syozin*. Ĝi signifas, ke en specialaj tagoj, aŭ en difinitaj lokoj, oni detenas sin de ĉiuj bestaĵoj.

Ankoraŭ mi volas mencii novan vegetarismon disvastigitan de D-ro Yanase Giryo, kiu estas multe estimita. Ĝi baziĝas sur ŝanĝitaj cirkonstancoj en la naturo. Post la lasta mondmilito li alvenis al sia konkludo, baziĝante sur siaj scienco kaj klinikaj spertoj rilate la malpurigon de la viv-medio kaj nutraĵoj per agrikulturaj kemiaĵoj, eĉ mortokazoj pro kemia sterkado. Li proponas novan agrikulturon organikan, kaj kritikas la nuntempan civilizacion laŭ principoj de la Budhisma filozofio, pretendante bezonon de nova kulturo ne-rabanta kaj ne-mortiganta. Li rekomendas al aliaj prudentan vegetarismon, tamen li por si mem plenumas severan vegetarismon, kiu malpermesas manĝi ĉiuspecajn bestaĵojn.

Bedaŭrinde niaj seriozaj samideanoj de la laŭnatura vivmaniero apartenas al minorita sekto en la nuna Japanio. Okcidenta medicino kaj moderna dietistiko ankoraŭ regas superpotence la medicinon en Japanio. Ni, konfidantoj al orienta medicino, pacience devos klerigi iom post iom pere de scienco kaj pruvo. Ni volas esplori la ĝustecon helpe de la samideanoj en la mondo.

*Imai Masaki, Japanio.*

---

*PROPONO PRI SENVIANDA NUTRADO*

Konsiderante, ke la senvianda nutrado estas ne nur konvena al la sentoj de pieco, respekto al vivo kaj pacamo, sed ankaŭ pozitive helpas ilian plifortiĝon ĉe homoj, kiuj ĝin praktikas.–

Konsiderante, ke la senvianda nutrado estas tre bona por la sano, laŭ la aserto de elstaraj kuracistoj, laŭ la ekzemploj de multaj praktikantoj kaj ankaŭ laŭ mia propra sperto –

Konsiderante, sed neniel malplej grave, ke la pervianda nutrado estas tre malekonomia maniero utiligi la produktivon de la grundo, ĉar ekzemple, por ke ni prenu 1 kalorion el bovaĵo, oni bezonas doni al la bovo 30 kaloriojn el greno kaj herbo , tiel ke eĉ estas kontraŭmorale sin nutri per viando, kiam sur la tero diversloke amasoj da homoj suferas pro manko de nutraĵo kaj eĉ mortas de malsato –

Mi proponas, ke la religiistoj kaj religiaj organizoj klopodu disvastigi la kutimon de senvianda nutrado kaj observu la fastajn tagojn laŭ sia tradicio.

*Eizo Itoo, Japanio*
*Prezidanto de la Universala Homama Asocio.*

# LA BAZO DE LA SANO

Estimata redaktoro,

Mi legis (kaj parte foliumis) kun intereso la lastan numeron de Esperantista Vegetarano. Kaj kelkaj notoj tie kaŭzis ke mi volas verki por vi malgrandan skizon pri mia vivmaniero.

VILHO SETÄLÄ, Finnlando.

MI kuraĝas skribi sub tiu titolo, ĉar infane mi estis tre malforta kaj malsanema, interalie kun ĉiam reaperanta migreno, kiun ne sukcesis kuraci konsiloj de doktoro, nek masaĝo, nek sin-ekzerco per marŝado kaj kurado en la naturo. Sed tiam, per verketo de dana dentisto mi ekkonis la metodon de Fletcher. Kaj mi komencis eksperimenti per ĝi – feliĉe miaj gepatroj ne malpermesis tion al mi, kiel oni povus atendi, kiam 12-13-jara knabeto komencas sin mem kuraci. Ne daŭris tre longe, malgraŭ tio, ke la lernado de tiu manĝosistemo postulas multe da obstino kaj subiĝo al memkontrolo, ĝis mi lernis la metodon manĝi racie. Kaj kredu, ke mi fariĝis sana kaj komencis evolui el senforta fizike malkapablulo al normala, energiplena junulo. La metodo de Fletcher faris min vegetarano, ĉar li ja ordonas manĝi nur tion, kion oni ŝatas laŭ gusto, kaj la energia maĉado faris viandon netolereble malalloga. Nun mi estas en la 85a jaro, dum ĉiuj miaj lernejaj klaskamaradoj jam forpasis.

Mi volas mallonge skizi la metodon – ĉar ne estas necese sidi ĉe la tablo tutajn horojn, kiel A. Judickiene pretendas.

La bazo ja estas ĝisfunda maĉado kaj engluto nur post kiam ĉio estas plene miksita per salivo, kaj la engluto okazas instinkte kaj nerezisteble. Por ke tio estu ebla, prenu tre malgrandajn pecojn pofoje en la buŝon, neniam trinku meze de manĝado (nur post la fino), kaj neniam englutu sed elspuĉu tion, kio nesolviĝas. Manĝu tion, kio gustas bone, – la gustosento estas aldonita por elekti la bongustan kaj sanigan manĝaĵon. Finu tuj, kiam vi sentas ke vi ricevis sufiĉe. Tio ne signifas, ke vi sentas la stomakon superplena, tute ne. La sana sento de kontentiĝo estas lernata dum la praktikado de la maĉado. Fakte, estas necese manĝi nur ĉ. duonon de tio, kion oni ĝenerale konsideras necesa por la vivteno.

Kelkaj fabrikitaj manĝaĵoj ja povas misgvidi nin. Fakto ja estas, ke niaj prapatroj dum miloj da jaroj ricevis sian necesan kvanton da askorbina acido (C-vitamino) el fruktoj kaj mielo, tio estas el dolĉaj manĝaĵoj. Sekve de tio evoluis al ni deziro je dolĉaĵo, kiam mankas al ni C-vitamino. Kaj ni eraras manĝi sukeron kaj dolĉaĵojn sukerigitajn, anstataŭ serĉi manĝaĵon kun sufiĉa vitamino. Do, ne lasu vin erarigi per tio. Same la blanka pano, senvalorigita per 'purigo', tio estas forigo de esence gravaj nutraj partoj, povas konduki al malsano.

Ĉar en nia norda lando ne estas eble manĝi tiom da fruktoj kiel en la sudaj landoj, estis al mi necese iom post iom eksperimente atingi konvenan maten-manĝaĵon, kiu enhavas ĉion necesan por sana vivo. Mi donas la konsiston, kiun mi jam uzas iom longe, konstatante, ke mia sanstato baze de tio estas

tre bona kaj donas al mi la eblon konstante labori.

La ingrediencojn mi mezuras per mezurkuleretoj el plasto, kiuj estas signitaj per la kapacito en mililitroj (ml.). Ĉar mi ne scias, ĉu la legantoj povas akiri tiajn, mi donas la kvantojn ankaŭ en gramoj, kvankam pezado estas pli malrapida kaj neoportuna.

| | | |
|---|---|---|
| 100 ml | 50 g | nuksoj, |
| 50 ml | 40 g | tritika faruno (ĵus muelita el plenaj grenoj), |
| 15 ml | 9 g | faruno el sojo, |
| 5 ml | 3 g | rozbera faruno, |
| 8 ml | 2 g | urtika faruno, |
| 5 ml | 1 g | seka gisto (faruno). |

Tiun sekan 'kaĉon' mi manĝas matene frue. Post tio mi kutimas trinki aŭ acidan lakton, jahurton, aŭ fruktosukon, 100-150 ml. Tio sufiĉas minimume por duona tago. La dua manĝo posttagmeze povas varii, sed ankaŭ ĝi komprenebIe estas vegetara kaj simpla laŭ sia konsisto, kompare kun la ordinaraj manĝaĵoj en nialandaj hejmoj.

Mi neniam ŝatis sporton por sporto. Certe mi multe piediris, biciklis kaj remis (en Finnlando, lagregiono, la natura komunikilo). Kiel studento mi povis konstati, ke mi estas la plej rapida piediranto sur la stratoj de Helsinki. Kaj dum la plejparto de mia vivo mi laboris ĉiutage minimume 12 horojn, plej ofte sen ripozo dimanĉa (ĉiu tago enhavis unu parton de profesia laboro kaj alian de 'hobio', ĉefe por Esperanto). Depost la uzo de tiu seka kaĉo mi ne suferis gripon, malgraŭ la epidemioj. Eble necesas diri, ke mia laboro ĉefe estis uzo de skribmaŝino. La hobioj parte konsistis el konstruado de elektraj aparatetoj kaj fotografado.

Do, baze de tiu manĝosistemo mi fariĝis laborkapabla enciklopedisto kaj popularscienca verkisto, kun sana menso en sana korpo. Mi kuraĝas rekomendi vivadon al aliaj. Kompreneble sen tabako kaj alkoholo.

*Kun saluto – Vilho Setälä, fil.d-ro, Finnlando.*

---

*BEDAŬRINDE KONDOLENCI NI BEZONAS –*

Atingis nin la trista sciigo malĝojiga, ke forpasis la amata edzino de nia nelacigebla kunlaboranto, s-ano Damjanov, en Bulgario, kaj tragike estis mortigita s-ano prof.inĝ. Sedlák en Bratislava. Pri subita forpaso de nia kunlaboranto s-ano Schmid-Forĝisto en Liberec ni ricevis sciigon antaŭ kelkaj monatoj, kaj antaŭnelonge forpasis nia kara neforgesebla s-ano Etzold en Germanio. Al iliaj familianoj ni esprimas nian profundan kaj sinceran kondolencon.

# KELKAJ MALDOLĈAJ FAKTOJ PRI LA SUKERO

MULTIĜAS la sciencaj konstatoj kaj provoj, ke troa konsumado de sukero povas esti faktoro, kaŭzanta multnombron el la niatempaj malsanoj.

Ekzistantaj specoj de sukero:

SUKROZO – la kutime uzata fabrika sukero (blanka aŭ bruna), aldonata al nutraĵoj kaj trinkaĵoj.

FRUKTOZO – natura sukero en la fruktoj.

MALTOZO – alia speco de natura sukero, akirita el malto.

LAKTOZO – sukero natura en lakto.

GLUKOZO – la sukero en la sango, devenanta el amelo kaj la ceteraj specoj de sukeroj, akceptataj de ni (sukrozo, fruktozo kaj maltozo). La glukozo produktas komponantojn, kiuj estas la ĉefmaterialo de la metabolismo en ĉiuj plantoj kaj animaloj; ĝi oksidiĝas en la histoj kaj asekuras energion por la organismo.

Specialisto el Harvard diras, ke, modere uzata (!), la sukrozo povas esti utila. Aliaj scienculoj estas maltrankviligitaj de la kreskantaj kvantoj de 'kaŝita' sukrozo (en la dolĉaĵoj), povantaj altigi la procenton de la suker-kalorioj ĝis 25 aŭ eĉ ĝis 50%. Precipe la infanoj emas manĝegi tiujn 'vanajn' kaloriojn, neglektante tiajn, bazajn nutraĵojn, kiaj estas lakto, ovoj, viando, legomoj kaj fruktoj.

Jen kio estas sciata (kaj kio ne estas sciata!) pri la sekvoj de superflue uzata sukero en la organismo:

GRASIGO – nelimigita konsumado de dolĉaĵoj aŭ amelaj nutraĵoj (kio estas akcepto de superfluaj kalorioj) kondukas al nedezirinda altiĝo de la korpo-pezo kaj superfluaj suferoj. Unu, normale sukerplena te-kulereto produktas 18 kaloriojn, kaj ½ gr. – 1800. Sukero estas entenata en ĉio, kion ni enmetas en la buŝon – supoj, acida konservaĵo de kukumetoj, spicoj por salatoj, saŭcoj kaj drogoj. Krom ke ĝi faras la figuron maldelikata, dika, kreiĝas ankoraŭ kondiĉoj por apero de diabeto, malsanoj de galo, veziko kaj hepato. Ekzistas por la dikaj beboj danĝero fariĝi dikhomoj pro la multiĝo de la graso-ĉeloj en la korpo, kio ege malfaciligas la diet-observon.

DENTPUTRIĜO – Estas konsiderate, ke la dentputriĝo (karieso) devenas de acido, formiĝanta ĉe la miksiĝo de certa nutraĵo, precipe la sukrozo, kun iuj bakterioj en la buŝo kio detruas la dent-emajlon.

DIABETO – Post esploroj estas konstatite, ke tiu malsano estas ligita kun la sukerkonsumado.

KORMALSANOJ – La sukero stimulas la grandkvantan produktadon de holesterolo en la sanga serumo. Tiu estas malamiko N. 1. Do, la sukero estas

baza faktoro de la kormalsanoj. La senmova vivado kaj la fumado estas ankaŭ du faktoroj, kune kun la heredeco kaj la ĉirkaŭanta medio. Pro la osmozo, la sukero ensorbas, elsuĉas la akvon kaj malsekigas la proksimajn histojn. Enigita en malsatan stomakon, sukero povas kaŭzi stomakacidojn. Gastroskopo, enigita tra la gorĝo en la stomakon, tuj post la fortrinko de densa sukersolvaĵo – (taso da teo kun 4-5 pecetoj de sukero) – povas indiki forte incititan kaj ruĝiĝintan stomakmukozon. Teo aŭ kafo, preskaŭ, aŭ tute sensukera, plej bone sentigas ties guston. Taso da sengrasigita lakto povas anstataŭi senalkoholan trinkaĵon.

El bulgara revuo*Scienco kaj tekniko.*
*Konigis: RUĴA ĈERNÉVA, Sofio.*

---

## INTERESA LIBRO

Interesa libro venis al ni, kiun eldonis (en Esperanto!) nia Usona kunlaboranto, s-ano Docal, – Tabeloj de proteinoj kaj kalorioj en la manĝaĵoj. La broŝuro havas 50 paĝojn en formato de A4, kaj ĝia enhavo estas rezulto de longaj laboro kaj klopodo de la aŭtoro. Precipe interesa estas la 10-paĝa enkonduka parto, en kiu el diversaj fakaj fontoj kaj pluraj sciencaj verkoj estas citaĵoj, kiuj ankaŭ pruvas la avantaĝon de la vegetarana vivmaniero, kaj same tion, ke en niaj senviandaj manĝaĵoj estas sufiĉe da proteinoj (albumenoj) – ofte eĉ pli, ol en la viandaj, krome ni ne forgesu la gravan fakton, ke tiuj ĉi proteinoj el vegetaloj estas *puraj*, naturaj, kiuj ne postlasas en la homa organismo balastajn materiojn – 'forfalaĵojn' – kiel tiuj el viandaj manĝaĵoj, kiuj en la organismo kaŭzas domaĝajn fenomenojn, simile, kiel la el-aeraj malpuraĵoj.

Ni rekomendas tiun ĉi verkon al niaj karaj legantoj, kaj aparte ni atentigas tiujn el la angla-lingva sfero, ke la verko ekzistas ankaŭ en tiu lingvo, do oni povas ĝin rekomendi ankaŭ al ne-esperantistoj.

La broŝuron mendu ĉe la autoro s-ano Sergio R. Docal, 2947 Tilden St., N.W., WASHINGTON, D.C., Usono.

## *UNU VIRINO*

Dum la ĉi-jara transatlantika unuhoma-jaĥto-konkurso, kvin jaĥtoj subakviĝis, du viroj dronis kaj preskaŭ triono de la konkursantoj cedis. Sed la 13a el 78, kiuj sukcesis atingi la celon, estis juna virino, Clare Francis. Clare estas vegetarano.

Prof. C. ZAHAREV

# ANIMALDEVENAJ KANCEROGENAJ SUBSTANCOJ

*El samnoma artikolo en bulgara veterinara revuo – 1975*

LA kancerogenaj substancoj estas ĥemiaj kunligaĵoj (kuniĝoj), povantaj provoki nov-formiĝojn (tumorojn) ĉe efiko sur la organismon de eksperimentataj bestoj. El tio oni konkludas pri la konforma danĝero ankaŭ por la homo. La kancerogenaj substancoj estas danĝeraj en minimumaj dozoj (eĉ partoj de la milgramo). Estas jam konataj centoj da substancoj, posedantaj kancerogenajn proprecojn, precipe la derivaĵoj de antraceno kaj fenantreno, policiklaj karbohidrogenoj, aromaj aminoj, acokuniĝoj k.a., etilenaminoj, laktonoj, kelkaj alkaloidoj, sintetikaj polimeroj k:a.

La nuntempa homo estas en konstanta kontakto kun kancerogenaj substancoj pro la malpurigita ekstera medio, aero kaj akvo. La bestdevenaj nutraĵoj same povas fariĝi fonto de kancerogenoj. La krudaĵoj por produktado de animalaĵoj same ne estas liberaj de kancerogenaj efikontoj. Ili enfalas tien per uzado de certaj rimedoj por pli granda gajno pere de supergrasigo de la bestoj kaj birdoj. Per pesticidoj aŭ iliaj metabolitoj, per kiuj estas traktataj la plantoj, pro la sama celo. Kancerogenaj substancoj povas enfali ankaŭ ĉe vico de teĥnologiaj operacioj – ĉe aldono de certaj substancoj, ĉefe neorganikaj kolorigiloj por plibonigo de la ekstera aspekto de la produktoj. Pruviĝis, ke la antaŭe uzataj ĥemiaĵoj estas kun pruvita kancerogeneco, kaj en lastaj jaroj ilin oni malpermesas. La konata *butergelb* – por kolorigo de la krembutero same estas kun pruvita kancerogena aktivo. Por supergrasigo de animaloj kaj birdoj, estas uzataj hormonalaj preparaĵoj, posedantaj estrogenajn efikojn. La farmacia industrio pridisponas sintetikajn estrogenoj, grandaj dozoj el kiuj, donataj al eksperimentaj bestoj malordigas la endokrinan sistemon kaj kaŭzas kanceraperon en la laktoglandoj. Pro tio en certaj landoj estas malpermesita la uzado de kelkaj el ili, kiel rimedo por grasigo. Pro la ĉiam sama celo, estas proponita ia nafta substanco. Tiu uzado estas neallasebla pro la fakto, ke ĉe la eksperimentoj aperis nov-formiĝoj kaj same metastazo de malbonkvalitaj tumoroj. Inter la ĥemiaj aldonaĵoj por bonigo de la aspekto, koloro kaj aromo de la produktoj, viciĝas tiaj kun pruvita kancerogeneco, kaj el aliaj estas produktataj substancoj, kancerogenaj, ĉe ilia transformado en nutroproduktojn. Tipa ekzemplo estas la nitratoj kaj nitritoj, aldonate al la kolbasoj kaj viando, por aspektigi ilin freŝaj, rozaj. Tiel ankaŭ de la salpetro, kontraŭ rapida pufiĝo de la fromaĝo.

Dum la lastaj jaroj pruviĝis, ke multaj nitrozaminoj, formiĝantaj en la nutroproduktoj, en la ĉeesto de la nitratoj kaj nitritoj provokas tumordisvolviĝon. Inter la antibiotikoj (uzataj por longigo de la sekiga periodo de viandoj kaj

fiŝoj) ekzistas ankaŭ tiaj, kiuj rapidigas la disvolviĝon de malbonkvalitaj tumoroj en musoj, ĉe daŭra traktado per ili. Ĉe vasteuzata antaŭgardo de la grajneca kaviaro kontraŭ ŝimiĝo, kaj kontraŭ malheliĝo de la densigita lakto, sorbinacido, injektita subhaŭte 2-foje semajne po 2 mlgr. provokas sur la injektitan lokon fibrosarkomoj post 55-65 semajnoj en musojn. Lastatempe estas konsiderate, ke supervarmigitaj animalaj kaj plantaj grasaĵoj ĉe rostado, prezentas gravan fonton de kancerogenaj substancoj. Estas eksperimente pruvita la kancerogena efiko de nutrograsaĵoj, ĉe ilia ripeta uzado por fritado. Estas konstatataj tumoroj ĉe plurfoja injektado en musojn de fandita porkograsaĵo, varmigita 1- aŭ 5-foje ĉe 350 gradoj dum 30 minutoj. Sulman kaj aliaj sciencistoj konigis, ke ĉe varmigo de fulgo, prenita de kameromuroj (por fumigo de kolbasoj) oni sukcesis aperigi sarkomojn en musojn. Aperis multaj seriozaj duboj koncerne la ĉeeston de kancerogenaj substancoj en fumigitaj viandaĵoj. Estas serĉataj tiaj fumigiloj sen kancerogenaj substancoj ĉe la fumigo kaj estas proponataj likvaj, liberaj de kancerogenaj elementoj. En SSSR kaj alilande jam estas fabrikataj produktoj, fumigataj per likvaj fumigiloj. (Ĉar konsumanto tiel alkutimiĝis al tiuj produktoj, ke abrupta rezigno pri fumigaĵoj estas malebla.)

Kancerogenaj substancoj povas enfale en la produktojn ankaŭ ĉe la enpakigo dum gardado kaj transporto. Ĉe konservado de la fromaĝo kaŝkavalo estas uzata kovromiksaĵo el parafino kaj cerezino. Grasaĵoj kaj aliaj produktoj estas paketitaj en parafinitan paperon. La parafinon oni ricevas ĉe la naftoprodukta prilaboro. Ĝi entenas benzpirenon kaj aliajn policiklajn aromajn karbohidrogenojn, posedantaj kancerogenajn proprecojn. Pro tio, estas malpermesita la uzado de parafino kaj aliaj kovromaterialoj, nepurigitaj de aromaj karbohidrogenoj por paperparafinado, precipe por varmaj nutraĵoj kaj trinkaĵoj (kafo). Artefarita kaŭĉuko okupas vastan lokon en la nutraĵa industrio, ĉefe kiel melkiloj. La kontakto de lakto kun kaŭĉuko kreas eblecon por transiro en ĝin de kancerogenoj. En la artefarita kaŭĉuko havas lokon ankaŭ fulgo kaj diversaj moligiloj, entenantaj kancerogenajn substancojn. Ekde nelonge estas parafino, konata la kancerogena aktivo de aflatoksinoj. Ĝin produktas la fungeto *Aspargilus flavus*, parazito ĉe la ternuksoj. En 1961 Lankaster, aldonante al la nutraĵo de musoj 20% ternuksan farunon, entenantan aflatoksinon, la unua konstatis post 30 semajnoj karcinomojn en la hepato. Aliaj esploristoj konstatis adenokarcinomojn en la stomako de la musoj.

*Esperantiĝis kun pluraj mallongiĝoj, ĉefe por veĝetaranoj,*
*Ruĵa Ĉerneva, Bulĝario.*

## LAKTA ARBO

EN tropika zono de Sudameriko kreskas la lakta arbo: Tra la entranĉaĵo de arboŝelo, la arbo sekrecias densan, agrable bonodoran sukon, kiu similas al bovinlakto. Sed la ĥemia konsistaĵo de la fluidaĵo estas malsimila al la lakto. Anstataŭ grasaĵo la suko de lakta arbo enhavas vaksecajn kombinaĵojn similajn al grasaĵo, anstataŭ la lakta proteino-kazeino, –nitrogenajn substancojn, kiuj per sia konsistaĵo similas al sango-proteino. La selakton en tiu ĉi suko prezentas sukereca fluidaĵo.

La suko ĉe la kuirado ne koaguliĝas, sed densiĝas kaj ricevadas odoron de freŝa fritita viando. Tiu ĉi suko aŭ kruda, aŭ kuirita estas eksterordinare nutro-valora. Tial ĝin la loĝantaro de tropikaj regionoj tre ŝatas konsumadi.

La lakta arbo, riĉa je nutraj substancoj, kreskas sur la plej nefruktodonaj deklivoj de Kordileroj, ĝi ne estas altkreska. Nur malofte ĝi atingas la altecon ĝis 25 da m. Ĝia disbranĉiĝinta radika sistemo estas kapabla akiradi el malriĉa grundo la plej valorajn nutrajn elementojn, kiuj estas al aliaj kreskaĵoj preskaŭ neatingeblaj.

Botanikistoj la laktan arbon envicigas al morusacoj. Ĉi tien apartenas ankau la interesa panarbo. Tiun karakterizas, ke ĝi havas eĉ 25-kg-ajn rondajn fruktojn, similajn al kukurbo. La pezaj fruktoj pendas sur dikaj branĉoj aŭ de-sur la trunkoj 1 m. super la tero. Ili pendas pene de mallongaj pedunkloj. Oni havas impreson, ke la frukto estas al la arbo alligita.

La frukto de la panarbo, same kiel la tritika pano, estas amelriĉa. La arbo kreskas en Hindujo kaj sur Malakaj Duoninsuloj. La tieaj loĝantoj la fruktojn kuiras, tranĉas je pecoj, ekzemple kiel ni terpomojn, kaj bakas. Se oni la frukton de panarbo lasas en malseketa kaj malvarma loko, tiam la amelo komencas fermenti kaj estiĝos maso simila al fermentita pasto. Tial la freŝajn fruktojn oni metas en kavon. El pasto, kiun oni tiel akiras, oni bakas bongustajn kuketojn.

La semoj de la panarbaj fruktoj enhavas multe da oleo, kaj ili estas manĝeblaj krudaj, aŭ bakitaj. El fruktoj de 20-jara arbo dum tuta jaro povas sin vivteni 3-4 personoj. En Hindoĉinio kaj sur la Sundaj Insuloj la pomarbo estas kultivata kiel ĉe-doma kreskaĵo.

*El EXPRESS tradukis ŜL.*

## Rememore al s-ano ETZOLD

La 18an de Aŭgusto ĉijara mortis s-ano Walther Etzold en Leipzig-GDR. Nia movado perdis tre fervoran esperantiston kaj vegetaranon. Tuj post la unua alvoko de s-ano Váňa al kunlaboro antaŭ 6 jaroj, li disponigis sin por esti Reprezentanto-Peranto en Germana Demokr. Respubliko de la renaskiĝinta TEVA, kaj li tuj komencis labori, organizadi, varbi, skribi artikolojn, raportojn ankaŭ por la vegetara rubriko en Esperantisto Slovaka, kiu jam, bedaŭrinde, ne ekzistas en tiu gazeto, kiun antaŭ 30 jaroj fondis s-ano Váňa.

S-ano Etzold jam jardekojn antaŭe estis vegetarano. Pro la reviviĝo de TEVA kaj ĝia gazeto *Esp. Vegetarano* li tre ĝojis, kaj li skribis entuziasmajn leterojn al s-ano Váňa, rekonante al li la bonajn rezultojn, nome, ke tiu ĉi sukcesis post multaj klopodoj revivigi TEVAn kaj nian karan gazeton EV. – Ĝoje li legadis la interesajn artikolojn el la gazeto en Esperantaj rondoj kaj medioj, eĉ aliloke, kaj li tradukadis ankaŭ el nacilingvaj gazetoj artikolojn pri vegetarismo por nia gazeto.

S-ano Etzold estis modela Reprezentanto de TEVA, li klopodis trovi eĉ la iamajn membrojn de nia organizaĵo, kaj li varbadis novajn. – Senlace li vizitadis, kiel pli ol 80-jara homo, sian nevidantan konatulon – vegetaranon, al kiu li raportis pri ĉiu novaĵo en nia movado, kaj ankaŭ li laŭtlegis al tiu ĉiun artikolon el ĉiuj numeroj de nia gazeto, kaj el *Esperantista Slovaka* la vegetaran rubrikon. Kaj ankaŭ li ne forgesis la financan aferon, kaj li multe subtenadis per mondonacoj nian movadon kaj EVon.

La lastajn 1½ jarojn li vivis en hejmo por aĝuloj en sia urbo. Eĉ tie li ne ĉesis labori por vegetarismo. Li trovis novan agadkampon, – al la oficistaro de la hejmo kaj ties enloĝantoj, al la geflegistoj, same al la malsanuloj en la hospitala parto de la hejmo, – ĉie, li senlace rakontadis pri la celoj kaj avantaĝo de la senvianda vivmaniero.

Pasintjare mi vizitis s-anon Etzold kun mia bofratino en la hejmo por geaĝuloj, kaj li tiom entuziasme kaj konvinkige scipovis paroli pri vegetarismo, ke li sukcesis konvinki eĉ mian bofratinon, kiu antaŭe kredis, ke sen viandaĵoj ne eblas vivi.

Antaŭ 3 jaroj, kiam mi vizitis lin, li diris al mi, kiel 87-jara, ke li ŝatus ĝisvivi la 90an jaraĝon, je bonfamo kaj honoro de vegetarismo. – Kaj vere, lia deziro realiĝis: la 10an de Julio ĉijara li transvivis sian 90an jaron. Unu monaton kaj unu semajnon poste, la 18an de Aŭgusto, li fermis siajn okulojn por-ĉiame. Ni perdis vere sindonan kaj modelan kunlaboranton de nia movado.

La rememoro pri li estu ĉiam dankema kaj estimoplena.

*Johanna Bräutigam, GDR.*

## El Leteroj...

MI denove donas vivsignon pri mi, sed antaŭ ĉio bv. noti mian novan adreson.

Jes, mi por ĉiam forlasis mian longjaran hejmon en la arbaro ĉe Runheim, sed ĉi tie ĉe mia nova hejmo ankaŭ estas bela arbaro kun ĉarma ĉirkaŭaĵo kaj pitoreska panoramo. La domo ĉi tie estis malnova, kaduka, neloĝebla, sed la iniciatinto de la fondo de tiu ĉi vegetara hejmo, s-ino Waltraŭd Goskowitz, kune kun sia edzo, ne timis pruntepreni grandan monsumon, por rekonstruigi ĉion, en granda kredo profunda, ke ili realigas bonan, noblan agon. Kaj tia etoso ligas nin ĉiujn, kiuj ĉi tie vivas, kune.

Mi, krom la komunaj laboroj, komencis 'konstrui' Esperantan stelon naturan en herbeja bedo pere de diversaj floroj, kiujn mi enplantos tien. Sed la afero ne estas tiom facila, kiel paroli pri ĝi, ĉar sur la loko, kie mi volas havi la Esperanto-stelon, funkciis pezaj meĥanismoj konstruaj dum la rekonstruado de la domo, kaj la tero fariĝis sub tiuj kvazaŭ ŝtono, de la granda premo, kaj mi tre malfacilan laboron havas pere de pioĉo, kontraŭ kiu ankaŭ la 'maljunaj ostoj' protestas, –ja kompreneble, miaj 85 jaroj ankaŭ diras ion al tio. Sed la volo, la deziro devigas min 'antaŭen', kaj la maljuna korpo devas obei.

Dum la komunaj laboroj kune kun la aliaj enloĝantoj de tiu ĉi hejmo, mi ofte rememoradas la similan medion antaŭ 60 jaroj en la Trudovaja Kolonija en regiono de Moskvo en Rusio, en kiun me venis kiel milita kaptito pere de Esperanto, kaj kie mi konatiĝis kun bonegaj geamikoj kaj kun vegetarismo, en Tolstoj-aj ideo kaj spirito. La tiea frateca atmosfero lasis en mi impresojn, kiuj igis min nun al tradukado de la 'Manifesto de la Paco', kiu – kiel vi multaj jam scias – aperis en Esperanto. Pri tio ĉio mi ofte rakontas ĉi tie al miaj kunlaborantoj –kunvivantoj, ĉe kiuj jam vekiĝis intereso pri Esperanto.

Niaj ĉefmanĝoj ĉi tie estas komunaj, nature, vegetaraj, kaj mi fartas bone, kiu fakto atestas pri tio, ke eĉ sciencistoj-fakuloj povas erari, kiuj asertas, ke homo sen vianda manĝaĵo ne povas ekzisti, kvankam ja estas eĉ tutaj popoloj, kiuj ne manĝas viandon jam dum jarcentoj, laŭ siaj tradicio aŭ religio.

Alvenis ankaŭ la gazeto *Esperantisto Slovaka*, sed mi vane serĉas en ĝi la rubrikon vegetaranan, kiu ja unusole min el ĝi interesis. Des pli mi do ĝojas, kiam venas nia kara *Esp. Vegetarano*, en kiu mi ĉiam trovas interesajn artikolojn, pri kiuj mi kutimas paroli ankaŭ al miaj kunvivantoj ĉi tie en tiu ĉi mia nova hejmo, kaj se longe ne venas tiu ĉi gazeto, mi kutimas preni en miajn manojn la malnovajn ankaŭ, kaj ŝajnas al mi, kvazaŭ mi trovus denove ion interesan en tiuj.

Nun mi jam finas mian skribadon, ĉar la suno jam staras alte, kaj ĝi vokas min labori en la naturo. – Mi ĉiutage ellitiĝas dum la matena krepusko, salutante la aŭroron de la suno, kaj aparte la aperiĝantan sunon, nian vivdonanton. Mi estas freŝa tiam, ĉar mi vespere ĉe la sun-subiro enlitiĝas, neperdanta la tempon ripozan ĉe radio- kaj televid-aparato, kiel la 'moderna homo'. – Do fartu bone, kore vin kaj ĉiujn geamikojn pere de nia kara *EV* salutas

*Adolf Mosch, Jugendhof Heilenbergen,*
*D-7163 Oberrot-Wiesenbach, Germana Fed. Resp.*

ĴUS ALVENIS LETERO, – en la lasta horo antaŭ la fermiĝo de nia redaktejo por tiu ĉi numero – de nia kara samideano Bakarov el la iama Vegetarana Kolonio Proslav, apud Plovdiv, Bulgario. Li sendas al ni, kaj por ĉiuj legantoj de *EV*, la plej korajn salutojn, rememorojn, esprimon de sia amo al ni ĉiuj, kaj rememore la 'Persan Rozarion', kun belegaj filozofiaj reguloj de la antikvaj tempoj de Zoroastroj, kaj same la vortojn de Abdul Baha.

Pro ĉio ni kore dankas al s-ano Bakarov, kaj ni deziras al li en liaj jaroj vivo-finaj ĉion bonan, ĉefe tolereblan sanstaton, animan ekvilibron, kontentecon kaj belajn rememorojn al la travivita vivo!

ANTAŬNELONGE alvenis la lasta n-ro de *Esperantista Vegetarano*, kiu – kiel ĉiam, estas tre interesa, – tiel komencas sian leteron s-ano Edvardsen, kiun li sendis de-sur la oceanajn ondojn pluganta ŝipo 'Laponia', kaj kiun li skribis ie ĉe la bordoj Kanadaj. Li inter aliaj aferoj mencias, ke verŝajne li povos fariĝi nia 'naĝanta Reprezentanto', se ni havos la 'flugantan', pri kiu estis mencio en *EV*-15a, ĉe la fino de la 27a paĝo, kaj kiu – espereble – ankoraŭ vivas kaj bonfartas, spite la aviadilan flugad-arton, kiu havas ankaŭ siajn 'kap-turnajn' eventojn. – Sed ni revenu al la letero:

En tiu n-ro de *EV* estas priskribo, kiamaniere baki bonan panon. Por mi ne estas malfacila afero, prizorgi kelkajn kilogramojn da tritiko, ĉar kiam troviĝas ĉi tie surŝipe ĉirkaŭ 30.000 tunoj da greno, certe kelkajn kliogramojn mi povas el tio havigi, kaj neniu riproĉos min pro tiu 'ŝtelado'. Mi jam ofte meditadis pri tio, kiamaniere prepari bonan panon por vegetarana gusto, kaj jen, – ĝuste en tiu *EV* mi trovis la bonegan recepton! Kompreneble mi tuj preparis la acidan paston, kaj poste laŭ la priskribo en tiu *EV*., venis la triumfa panbakado! – La unua pano jam tuj estis granda sukceso! – La bonodoro, la bonega gusto. – Kompreneble la pano bonege gustis ankaŭ al aliaj, – scivolemuloj, kaj tiel baldaŭ mi devis baki alian, ĉar la al-mi-gratulantoj pro la sukceso de la pan-bakado ne nur gratulis, sed ankaŭ manĝis mian panon, kaj preskaŭ la tutan ili formanĝis! – Kompreneble estas multe da pano sur la ŝipo je dispono, ankaŭ la t.n. *Knäckebrot*, kaj la de-ĉiuj-ŝatata blanka pano, tamen tiun mian ĉiuj trovis la plej bongusta. – Do mi havas sufiĉe da greno, ankaŭ elektran bonegan bak-fornon je dispono, kaj tiel la propra pano-preparado fariĝos verŝajne mia nova kaj utila hobio.

(Ni gratulas al la sukcesoj de nia kara naĝanta Reprezentanto, kaj dume ni ne povas kaŝi nian apetiton ankaŭ je lia pano kun la kunligita deziro. Espereble li povos, kiel ankaŭ bona fiŝ-kaptisto, ie-tie *kapti* por TEVA novan Reprezentanton, kiam li vagadas tra la oceanoj, tra la tuta mondo.)

*ESPERANTISTA VEGETARANO* estas vere interesa gazeto, kaj mi volonte konatigos ĝian enhavon al la gesamideanoj en Odesa, kien mi veturos. Min tre ekinteresigis la artikolo pri la libro de Suvorin 'Kuracado per malsato'. Apartan mian dankon pro ĝia publikigo, kaj estus tre interesa, se venus ankaŭ artikoloj pri ties aliaj verkoj. *Nadja Andrianova, Sovetunio.*

# ESPERANTISTA VEGETARANO

**Bulteno (fondita en 1914) de la**

**TUTMONDA ESPERANTA VEGETARA ASOCIO**

**(fondita en 1908)**

**Unua prezidanto : L. N. Tolstoj**

NOVA SERIO : NUMERO 19-20 – Januaro 1977

Redaktanto : Ernesto Váňa
CS 962 71 DUDINCE okres Zvolen, Slovakio, CSSR.

EL LA ENHAVO paĝo



Eldonanto : Christopher Fettes
St Columba's College, Rathfarnham, Dublin 14, Irlando

Pri adres-ŝanĝoj, nericevo de la bulteno, prov-ekzemplero, ktp., bonvolu skribi al la eldonanto – do ne al la redaktanto!

**ATENTU DONACANTOJ!**

**Nepre sendu viajn donacojn per internacia postmandato NE per ĉeko.**

*La kovrilon desegnis JAN SCHAAP (Nederlando).*

---

Mimeografis en Anglujo: FELLOWSHIP PRESS, Gloucester